# La Belga Sonorilo

BELGA GAZETO ESPERANTISTA.

---

## KVARA JARO.

---

## SEPTEMBRO 1905-1906.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.

IMPRIMEUR-ÉDITEUR
NOUVELLE PROMENADE, 4
BRUGES.

DRUKKER-UITGEVER
NIEUWE WANDELING, 4
BRUGGE.

# ENHAVO

## de la 4a jarkolekto, Septembro 1905-1906.

### Esperanta parto.


Al ĉiuj esperantaj jurnaloj . . . . . . 1, 23
Al ĉiuj amikoj de la B. S... M. Seynaeve . . 3
Albumo de konataj Esperantistoj . . . 97, 121
Amuzaĵoj . . 24, 36, 48, 60, 72, 84, 96, 108, 120, 132
Arboj, niaj amikoj. Jos. Jamin . . . . . 86
Belga Ligo Esperantista 10, 11, 23, 35, 47, 59, 71, 83, 108, 117
Bibliografio. . . . 20, 34, 59, 84, 95, 108, 118, 132
Bonan Jaron . . . . . . . . . . . 37
Ĉe la patrujo de la belgaj Esperantistoj Putifaro . . . . . . . . . . 50
Centra Oficejo. . . . . . . . . 47, 60, 65, 95
Ĉirkaurigardo. L. Blanjean . . . . . . 110
Civilizitaj homoj kaj bestoj. R. V. M . . 62
Danĉo de la afiksoj. Do Melin . . . . . 52
Deziras korespondi . . . . . . . . 60, 72
Deklaracio. Do Zamenhof . . . . . . . 26
Diversaĵoj . . . 5, 17, 29, 39, 53, 63, 75, 88, 100, 131
Eĥoj de la Ia kongreso. Jos. Jamin . . . . 4
El la lando de l' kongreso. Amatus . . . 111
Espero framasona . . . . . . . . . 113
Festotago de la Esperantistoj . . . . . 102
Germana Ligo . . . . . . . . . . . 113
Granda internacia jurnalo. J. Coox . . . 113
Gratulojn. . . . . . . . . . . . . 25, 125
Grava alvoko. L. Blanjean . . . . . . 73
Haldor Midthus. F. V. . . . . . . . . 102
Holanda Kroniko. Dreves Uitterdijk . . 105, 130
Holanda Pioniro. J. C. . . . . . . . 88
Hilelismo (Pri). J. Coox . . . . . . . 87, 101
Internaciaj Distranĉistoj. Senhavulo.. . . 15
Internaciaj Don Kiĥotoj. Melino . . . . 28
Internacia helpkaso (vidu: kastastrofoj) J. Coox. . . . . . . . . . . . 99
Ĵefko, Fantazio. Amatus . . . . . . . 98
Katastrofoj. J. Coox. . . . . . . . . 99
Klasikaj nomoj. J. Coox . . . . . . . 113
Kelkaj vortoj pri la nova Redakcio . . . 3
Knabaĵo. Melino . . . . . . . . . . 74
Komunikajoj . . . . . . . 24, 47, 60, 72, 84, 95
Kongresoj internaciaj (Pri). L. Blanjean . 14
Kongreso de Oficistoj en Londono . . . 101
Kongreso de Espo en Genevo 61, 88, 95, 101, 112, 113, 119, 124
Konkurso Hachette. . . . . . . . . 7
Kristnaskaj Infanetoj. D. S. . . . . . . 38
Ledeganck. Karolo Paŭlo . . . . . . 40
Monoferoj . . . . . . . . . . . . 48, 60
Mozart. Do M. S. . . . . . . . . . . 87
Nekrologio . . . . . . . . . . . 33, 71, 83, 103
Nia duobla kovrilo . . . . . . . . . 49
Nia Revueto. Do M. Seynaeve . . . 27, 51, 64, 76
Niaj du gvidaj libroj en Esperanto F. Swagers . . . . . . . . . . 122
Ni organizu la Venkon J. Coox . . . . 66
Nova signo esperantista . . . . . . . 113-125
Participoj. Do M. S. . . . . . . . . . 96
Popleto (La) sur la Monteto. F. de Roy. . 74
Poŝta kesteto . . 24, 36, 48, 60, 72, 84, 96, 119, 131
Praktikemo. J. Coox. . . . . . . . . 109
Radhosto (sur la). F. V. . . . . . . . 111
Regularo de la Belga Ligo . . . . . . 12
Sabata gasttablo de Antverpenaj Esperantistoj. Adolfo . . . . . . . . 127
Sukceso de Esperanto en la Kongreso de tutmonda Ekonomia Plivastiĝo Do M. S. 7
Svisa Esperantista Societo . . . . . . 112
Tutmonda Ligo. J. Coox . . . . . . . 124


### Trilingva parto.


Al la belgaj Esperantistoj. Ch. Lemaire . 2
Al Komercistaro . . . . . . . . . . 61, 85
Belga Kroniko. J. Coox . . . . 6, 20, 23, 45, 57 69, 81, 93, 96, 106, 116, 128
Lia. Sia. (Ekzercoj). Amatus. . . . . . 77, 92


### Franca parto.


Bâbis (Les) et l'Esperanto. Vieilhomme . . 42
Congrès des Employés à Londres. J. Coox. 103
Crépuscule des Dieux. Putiphar . . . . 80
Esperantophobie. Vieilhomme . . . . . 30
Etranger. J. Coox. . . . . . . 6, 20, 30, 42, 55 68, 80, 91, 103, 115, 126
Exposition Commerciale au Congrès de Genève. . . . . . . . . . . . 115
Ligue et journal . . . . . . . . . . 8
Notes en marge de l'Esperanto. Vieilhomme 8, 18
Pensées modernes. . . . . . . id. 54
Séance (Une) à l' A. G. E. Vikingo . . . 89
Théâtre et Esperanto. Vieilhomme . . . 67


### Flandra parto.


Aan de Esperantisten. Amatus 9
Esperanto bij de Onderwijzers. id. 55
Esperanto en de Gartenlaube. id. 104
Esperanto in de school. id. 31
Esperanto in de Vremde. id. 32
Esperanto bij het internationaal Kongres van lager onderwijs te Luik. Amatus 9
Onderwijs in het Esperanto. id. 43
Onderwijzerstijdschriften en Esperanto. Amatus . . . . . . . . . . . . 90, 114
Propaganda. Amatus . . . . . . . . 19
Uit Antwerpen. Interim . . . . . . . 19


### Versaĵoj.


Bruĝo (Al). M. Seynaeve . . . . . . . 41
Dum la Ventego. Do Philippet . . . . . 34
El la parolado de Do Zamenhof . . . . . 5
Korvo kaj Vulpo. Grabowski . . . . . 86
Lumo. M. J. Wessel . . . . . . . . . 114
Pino. Leo Belmont . . . . . . . . . 53
Se mi pli juna estus. Leo Belmont. . . . 16
Tra la Mondo (kanto). Fr. Swagers . . . 125

4^me Année, N° 1.
Septembre 1905 (N° 37)

4a Jaro, 1a Numero.
Septembro 1905 (N° 37)

4e Jaar, Nr 1.
September 1905 (Nr 37)




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista »
kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge »
et des Groupes Belges Affiliés.
Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.
Aangesloten bij het Verbond der Belgische periodische Nieuwsbladen.**

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

### Prix des Abonnements :

| | |
|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) . . . . . . . | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue . . . . . au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) . . . . . . . . au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro . . . . . . . . . . . . . . . | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années . chacune | 5,00 fr. |
| pour l'étranger | 6,00 fr. |

### Inschrijvingsprijs :

| | |
|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) . . . . . . | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond. . . . . ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) . . . . . . . . ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer . . . . . . . . . . . . . . . . | 0,40 fr. |
| De drie vorige jaren . . . . . . . . . ieder | 5,00 fr. |
| Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu n° 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1er Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1en September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

*Adresser les abonnements, manuscrits, annonces, etc., à :*

*Sendu abonojn, manuskriptojn, anoncojn, k. t. p. al :*

*Inschrijvingen, handschriften, annoncen, enz., te zenden aan :*

Sro J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

## ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)

Al la Belgaj Esperantistoj.
Al ĉiuj amikoj de La Belga Sonorilo.
Kelkaj vortoj pri la nova Redakcio.
Eĥoj de la Kongreso.
El la parolado de Dro Zamenhof.
Diversaĵoj.
Kroniko Belga. — Eksterlando.
Esperanto en Kongreso de Mons.
Konkurso Hachette.
Franca-Flandra Fako.
Alvoko al la Belgaj Esperantistoj.
Belga Ligo Esperantista.

A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES. NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.

*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le Dr M. SEYNAEVE, Heule-Courtrai.

*Secrétaire Administratif* (Bestuur-Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.

*Membres* (Leden) Mlle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Dr R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envois de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire-Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., zich wenden tot den Bestuur-Schrijver :

**Mr J. COOX, DUFFEL.**

## EXTRAIT DES STATUTS :

Art. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

Art. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Espéranto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

Art. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

Art. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

Art. 12. — Une assemblée générale de la Ligue a lieu chaque année. A cette réunion le Comité présente entre autres un rapport sur l'activité de la Ligue et la gestion financière de l'année écoulée.

Les membres absents ne peuvent voter que pour l'élection des membres du Comité.

L'ordre du jour est envoyé aux membres au moins 10 jours avant l'assemblée.

Art. 13. — La Ligue choisit comme organe officiel la revue *La Belga Sonorilo*. Cette revue est complètement indépendante de la Ligue. Elle imprime les rapports, avis, communications et autres documents que lui envoie le Comité de la Ligue. Elle publie une fois les noms de tous les membres de la Ligue et dans chaque numéro les noms des membres du Comité d'Honneur.

## Uittreksel der Standregelen.

Art. 1. — Onder den titel « **Belgische Esperantische Bond** » (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

Art. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

Art. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieele blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

Art. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

Art. 12. — De algemeene vergadering van den Bond geschiedt jaarlijks. In deze vergadering geeft het komiteit onder andere verslag over zijne werking en over de uitgaven van het verleden jaar. De afwezige leden mogen per brief stemmen maar dit slechts voor de te kiezen komiteitsleden.

De dagorde wordt ten minste tien dagen vóór de vergadering aan de leden gezonden.

Art. 13. — De Bond neemt als officieel orgaan het blad « *La Belga Sonorilo.* »

Dit blad is gansch onafhankelijk van den Bond. Het neemt alle verslagen, berichten, mededeelingen en andere stukken op welke het van het Bestuur van den Bond ontvangt. Het kondigt eenmaal de namen aller leden af en vermeldt in ieder nummer de namen der leden van het Eerekomiteit.

4me Annee, No 1. Septembre 1905 (No 37) | 4a Jaro, 1a Numero. Septembro 1905 (No 37) | 4e Jaar, Nr 1. September 1905 (Nr 37)

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista »**
**kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**
**Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés. Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Officieel orgaan van den «Belgischen Esperantischen Bond» en der Belgische aangesloten Groepen. — Aangesloten bij het Verbond der Belgische periodische Nieuwsbladen.**

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

**Al Dro L. Zamenhof, honorita de la Franca Landestraro per la ordeno de la Honora Legio, al nia glora kaj amata majstro, « La Belga Sonorilo » prezentas respektoplenajn gratulojn.**

# Al ĉiuj Esperantaj Jurnaloj !

La nova redakcio de la « BELGA SONORILO » *tre insiste* petas ĉiujn Esperantajn kunfratojn ke ili bonvolu korekti en siaj ĵurnaloj la sciigojn koncernantajn la B. S., laŭ la ŝanĝoj montrataj sur la kovrilo:

1. La abonkosto de nia revuo estas de nun por ĉiuj landoj: 4 fr.
2. La nova adreso de la Administracio de nia revuo estas: Sro J. Coox, Duffel (Belgujo).

Por transdonoj de abonoj, sendoj de komunikaĵoj kaj manuskriptoj, petoj pri sciigoj, anoncoj, k. c., oni sin turnu al la suprenomita Administracio. Por ĉiuj ĝeneralaj principaj demandoj koncernantaj la lingvon, la gazetaron, k. c., oni sin turnu al la Direkcio: Dro M. Seynaeve, Heule-Courtrai.

De nun do, oni nenion plu pri la ĵurnalo sendu nek al Sro J. Jamin nek al Sro L. Vandersleyen.

LA REDAKCIO.



# Al la Belgaj Esperantistoj

**de Kom^to Ch. LEMAIRE.**

Okaze de mia reveno en mian landon, mi petas miajn esperantistajn amikojn ke ili akceptu miajn korajn dankojn pro la helpo kiun ili donis al nia grava afero dum mia foresto.

Mi estas treege danka al S^ro Jamin pro tio ke li havigis al la « *Belga Sonorilo* » lokon rimarkindan inter la esperantista gazetaro.

Pro sia sindono li ofte forlasis siajn proprajn utilojn, kaj nun devo estas ke mi liberigu lin de la tasko kiun li tiel bone plenumis dum pli ol 3 jaroj, kvankam li estis promesinta tion fari nur dum 18 monatoj.

Sinjoro Jamin kaj mi, ni komisias hodiaŭ nian amikon D^on Seynaeve por ke li direktu la « *Belga Sonorilo* ».

Ne povante transdoni al aliaj personoj miajn laborojn pri Afriko, mi povas nur rediri al Jamin kaj Seynaeve kiom mi ŝatas ilian nelaceblan sindonemon, ilian memforgesemon, ilian malprofitemon.

Tutkore, dankon al ambaŭ, kaj ankaŭ al iliaj sindonaj kunlaborantoj S^oj L. Blanjean kaj L. Vandersleyen.

Mi ne dubas ke niaj partianoj konservos por la unua Direktoro de la *Belga Sonorilo* daŭran memoron kaj ke ili sekvos samfide la novan kondukiston.

Ili pardonu min ĉar mi restos flanke, kvankam mi restos kapitano montranta la direkton, laŭ kiu la nova piloto gvidos nian barkon.

Kom^to CH. LEMAIRE.



## Aux Espérantistes de Belgique

PAR LE COMM^t CH. LEMAIRE.

A l'occasion de mon retour au pays, je prie nos amis espérantistes de recevoir mes cordiaux remerciements pour l'aide qu'ils ont, pendant mon absence, apportée à notre grande cause.

Je suis profondément reconnaissant à M. Jamin d'avoir assuré à la « *Belga Sonorilo* » une place remarquée dans la presse espérantiste.

Son dévouement lui a fait oublier souvent ses propres intérêts, et il m'appartient aujourd'hui de le relever du poste qu'il a si dignement occupé pendant plus de 3 ans, alors que je n'avais sa promesse que pour 18 mois.

M. Jamin et moi confions aujourd'hui la conduite de la *Belga Sonorilo* à notre ami, le docteur Seynaeve.

Pour moi, qui ne puis remettre à d'autres mes travaux africains, je ne puis que redire à Jamin et à Seynaeve combien j'apprécie leur inlassable dévouement, leur abnégation, leur désintéressement.

De bon cœur merci à tous deux, ainsi qu'à leurs dévoués collaborateurs, MM L. Blanjean et L. Vandersleyen.

Je ne doute pas que nos partisans garderont au premier directeur de la *Belga Sonorilo* un souvenir constant, et qu'ils suivront le nouveau pilote avec le même entrain.

Ils me pardonneront de demeurer dans l'ombre bien que gardant le rôle de capitaine, et donnant l'orientation suivant laquelle le nouveau pilote guidera notre barque.

Comm^t CH. LEMAIRE.

## Aan de Belgische Esperantisten

DOOR KOMM^t CH. LEMAIRE.

*Ter gelegenheid van mijne terugkomst in het land, verzoek ik mijne Esperantische vrienden mijne hartelijke dankzeggingen te willen aanvaarden voor de medehulp, die zij gedurende mijne afwezigheid aan onze groote zaak hebben verleend.*

*Ik ben den Heer Jamin diep erkentelijk, omdat hij gedurende mijne afwezegheid aan de* Belga Sonorilo *eene merkwaardige plaats in de Esperantische pers heeft verzekerd.*

*Zijne toewijding heeft hem dikwijls zijne eigen belangen doen vergeten, en het is aan mij hem af te lossen van den post, dien hij zoo waardig gedurende meer dan 3 jaren heeft bekleed, hoewel hij mij slechts voor 18 maanden zijne belofte had toegezegd.*

*De Heer Jamin en ik, wij vertrouwen heden de leiding van de* Belga Sonorilo *aan onzen vriend D^r Seynaeve.*

*Wat mij betreft, ik kan aan anderen mijne Afrikaansche werkzaamheden niet overlaten, ik kan enkel aan Jamin en Seynaeve herhalen hoe hoog ik kunne onvermoeibare verkleefdheid schat, kunne zelfverloochening en hunne belangloosheid.*

*Van harte dus, dank aan hen beiden, zoo ook aan hunne wakkere medewerkers de HH. L. Blanjean en L. Vandersleyen.*

*Ik twijfel er geenszins aan, dat onze partijgenooten den eersten bestuurder der* Belga Sonorilo *eene bestendige herinnering zullen wijden en dat zij met denzelfden geestdrift den nieuwen stuurman zullen volgen.*

*Zij zullen mij vergeven dat ik in de schaduw blijf, hoewel de rol van kapitein voor mij houdend en de noodige richting aanduidend, volgens welke de nieuwe stuurman ons schip zal te leiden hebben.*

*Kommandant LEMAIRE.*



## Al ĉiuj amikoj de La Belga Sonorilo!

Nia agema revuo nun eniras la kvaran jaron de sia vivo kaj, laŭ sankta kaj respektinda kutimo, la Redakcio uzas tiun okazon por alrigardi dum kelkaj momentoj la jam faritajn progresojn kaj montri la ankoraŭ trafotajn rezultatojn; por danki la helpintajn amikojn kaj elvoki la fervoron, la subtenon de l' novaj adeptoj.

Antaŭ tri jaroj, en la momento kiam estis fondata ĉi tiu ĵurnalo, Esperanto estis preskaŭ nepre nekonata en tuta Belgujo, escepte en Bruselo kie la agado de Kom$^{to}$ Lemaire kaj de kelkaj liaj amikoj iom diskonigis la ideon, kaj en Antverpeno kie la ĵusa Esperanta Fako de la Maraĵa Ekspozicio vekis la atenton kaj bonege preparis prilaboreblan kampon. Sed de tiam, kiom da progresoj! De tiam, kiom da energiaj klopodoj! En ĉiuj flankoj de la lando paroladoj estis farataj, ĵurnalaj artikoloj estis presataj, grupoj estis fondataj; eĉ ne dum unu tago ĉesis la penado : ĉi tie fervora grupo per grandegaj afiŝoj anoncas kursojn, tie alia organizas festojn kaj ekspoziciojn pri kiuj raportas la tuta urba gazetaro; hodiaŭ flandra ilustrata revuo konigas en ĉiuj flandraj vilaĝoj, en ĉiuj vilaĝaj lernejoj nian lingvon kaj ricevas centojn da aprobaj leteroj; la sekvantan tagon, franca universitata profesoro travizitas tutan Belgujon kaj resonigas la solenajn universitatajn ĉambregojn per la eĥoj de la Zamenhofa lingvo; Esperanto estas instruata al ĉiuspecaj lernantoj : al ĉiugradaj studentoj en la lernejoj, al laboristoj kaj oficistoj en la popolaj universitatoj kaj poliglotaj kluboj, al religiuloj en la seminarioj kaj monaĥejoj, al malfeliĉaj blinduloj kaj surdmutuloj en iliaj institutoj; kaj, dume, en ĉiu monato, la *Belga Sonorilo* sen ia ĉeso disportas al ĉiuj tiuj malsamaj kuraĝuloj iom da nutraĵo por ilia fervoro, ĉiumonate sonigas en la tuta lando alvokan sonadon al ĉiuj energiaj progresamuloj!

Nun, ŝajnas ke alvenis favora momento por unuigi ĉiujn disajn batalantojn kaj batalionojn de nia belga Esperantista armeo, por ilin ĉiujn kunligi per potenca ligo kiu ne nur povos havigi al ili potencajn armilojn por trafi ilian celon, sed ankoraŭ kiu mem, per propraj fortoj, eniros la batalkampon kaj certe frapos plej efikajn batojn. Tial, por tiu celo, estis ĵus fondata la « *Belga Ligo Esperantista* », kiu elektis, kiel oficialan organon, nian revuon « *La Belga Sonorilo* ».

De nun do, plifortigitaj per nia nova unuiĝa organizacio, energie direktotaj de nia senlaciĝa Komandanto Lemaire, senŝanceliĝe kaj sentime ni antaŭeniros sur la vojo de l' sukceso. Ĝis nun, « *La Belga Sonorilo* » sola elportis la tutan penadon de la propagando, sola elpagis ĉiujn elspezojn, kvankam ĝiaj enspezoj ne sufiĉis por pagi eĉ la solan ĵurnalan koston; de nun, la « *Belga Ligo* » zorgos pri kaj nur pri la propagando kaj la ĵurnalo povos nepre klopodi por senĉese pliboniĝi kaj pligrandiĝi.

Kuŝas antaŭ ni matura kampo, en niaj manoj ni tenas akrigitajn laborilojn: Ni ne ripozu, ni ne maluzu la momenton tiel favoran, ni plenbrake alprenu la oran rikolton. Jam de longe forpasis la malfacilaj penoj de la plugado kaj de la semado, forpasis la batoj de l' kontraŭbatalantaj ventegoj; inter la miloj da ĉiuflanken disĵetitaj greneroj, unu falis en bonan teron, kreskis, kaj naskis la fieran arbon, kies riĉaj fruktoj nun maturiĝas : sub ĝia ampleksa branĉaro ni ne senlaboreme kuŝiĝu, sed kun nova kuraĝo ni ĝin perforte skuadu kaj ni deĵetos sennombrajn fruktojn.

La ĵusa famega Kongreso kaj la triumfa vojaĝo de nia Majstro tra Francujo kaj Anglujo en ĉiuj flankoj incitis simpatian scivolemon; la fondo de la « *Belga Ligo* » kaj la subteno de la « *Belga Sonorilo* » ankoraŭ plifaciligas la laboron de la Belgaj propagandantoj : ni sentime montriĝu antaŭ la mondo, ni obstine bataladu, kaj sukceso, certa kaj rapida sukceso, kiel en Francujo, Anglujo kaj Germanujo, tiel en nia kara Belgujo gloros nian penadon.

Vi ĉiuj, progresemaj amikoj de la lingvo internacia, vi kiuj senĉese staris kaj batalis por la ideo, aŭ vi kiuj laciĝis pro la ŝajna nesukseco kaj dubante eliris el niaj vicoj, aŭ vi kiuj nun aliĝas al nia batalantaro, vi ĉiuj alvenu al ni, sub la verdan esperigan standardon, kaj, incitataj per nova kuraĝo, donu al ni vian malavaran helpon. Belgaj amikoj, neniu el vi restadu ekster nia anaro; se ne estas eble al vi mem propagandadi, almenaŭ ne rifuzu kelkajn monerojn al tiuj kiuj sen ia ĉeso, sen ia profito, oferas sian tutan tempon, sian plenan energion por la sukceso de plej homama ideo. Alvenu ĉiuj en nian Ligan rondon, super kiu kaj por kiu nia Belga Sonorilo senlace daŭrigos sonadi la alvokon al ĉiuj progresemaj homoj!

D$^{ro}$ M. SEYNAEVE.

## Kelkaj Vortoj pri la Nova Redakcio.

Kiel estas anoncite en la lastaj numeroj, okazis kelkaj ŝanĝoj en la direkcio, la redakcio kaj la eksteraĵo de nia revuo. Sed, antaŭ ĉio, mi tuj diru ke nenia malpaco inter la antaŭaj redaktoroj kaŭzis ilin. Kelkaj el niaj amikoj, precipe la antaŭa ĉefredaktoro, S$^{ro}$ J. Jamin, pro personaj kaj profesiaj kaŭzoj, ne plu povas oferi al la ĵurnalo regulan kaj ĉiutagan laboradon, sed ili *ĉiuj* daŭrigos alporti al ĝi neregulan sed tre sindoneman kunverkadon. Tre ofte do la legantoj povos legi artikolojn verkitajn de S$^{roj}$ J. Jamin, L. Blanjean kaj aliaj.

Sed ankaŭ kun novaj tre lertaj amikoj, jam en ĉi tiu numero, ili konatiĝos. S$^{ro}$ J. Coox, tre fervora kaj agema propagandisto, akceptis la pezan ŝarĝon de l'redaktado kaj de l' administrado; S$^{ro}$ F. de Roy, redaktoro ĉe l' granda Antverpena ĵurnalo « *La Metropole* », kiu tiel multe kunhelpis al nia progresado en Antverpeno, sin okupos precipe pri la franca parto kaj S$^{ro}$ A. Vander Biest-Andelhof, alia tre ŝatinda reprezentanto de la fama Antverpena grupo, pri la flandra parto.

La ĵurnalo ankaŭ iom aliformiĝos. De nun, ĝi enhavos nur tre malmultajn artikolojn tradukatajn france kaj flandre sed ĝi montros apartajn francajn kaj flandrajn artikolojn. Ĝi enhavos, plie, novajn rubrikojn : *Bibliografio* kiu tre serioze analizos kaj taksos la novajn verkojn, *Diversaĵoj* kiu mallonge pritraktos ĉiuspecajn (artajn, sciencajn, amuzajn, k. c.) interesajn temojn, *Komunikaĵoj*, *Poŝta kesteto*,

*Amuzaĵoj* k. c. (*) Ni ankoraŭ aldonu la ĉiumonatan oficialan raporton de la *Belga Ligo Esperantista.* Post unu aŭ du monatoj, la kovrilo de la revuo duobliĝos kaj la interna folio, kiu montros resumon de la gramatiko kaj ĉiuspecajn praktikajn informojn por la novaj adeptoj, estos deprenebla kaj servos por propaganda uzado.

Estas espereble ke nia ĵurnalo, kun tia aranĝo, plaĉos ne nur al la belgaj sed ankaŭ al la eksterlandaj Esperantistoj. Ĉar, laŭ internacia vidpunkto, nia revuo, kiu ĝis nun ludis gravan rolon en la diskutado de l' plej gravaj demandoj de nia afero kaj estis rajte kalkulata inter la plej seriozaj kaj kredindaj naciaj gazetoj, daŭrigos tiel agadi kaj reĝule konigos sian liberan kaj senpartian opinion pri la ĝenerala kondukado de nia entrepreno.

Pro tiu pligraviĝo kaj pligrandiĝo de la jurnalo, la abonkosto iom plialtiĝos : ĝi estos 4 frankoj por ĉiuj landoj. Sed sendube neniu plendos pri tio, ĉar certe « *La Belga Sonorilo* » fariĝos baldaŭ unu el la plej interesaj Esperantistaj revuoj.

*La Direktoro.*

(*) Pro manko da loko, ni povos presigi nur en la venonta numero la rubrikojn : *Bibliografio, Poŝta Kesteto, Komunikaĵoj, Amuzaĵoj.*



## Ĉhoj de la Kongreso.

La ĵurnalo « Lingvo Internacia » dediĉas sian tutan numeron de la 15a de Aŭgusto al raporto pri la Kongreso. La legantoj tie trovos multajn detalojn kiujn ni ne povas enlokigi en nian revuon,ekzemple la belan paroladon de Dro Zamenhof kiun li legis la 5an de Aŭgusto en la teatro, je la malferma kunsido, la belan raporton de Dro Bein, la diskutojn pri la elparolado, « pri Provizora Lingva Komitato », pri dua kongreso kaj cetere.

Ĉi tie ni skribos ankoraŭ kelkajn detalojn pri la tri lastaj tagoj de l' Kongreso, pri kiuj ni ne parolis en la unua raporto.

La ĵaŭdon, ĉirkaŭ 300 kongresanoj enŝipiĝis en la vaporŝipon «Onward» kaj vizitis niajn samideanojn en Folkestone kaj Dover. En tiuj ambaŭ urboj la estraroj kaj la Komercaj Ĉambroj ricevis la vizitantojn kaj organizis diversajn festojn, festenojn kaj kunvenojn. La kora akcepto de la Angloj daŭrigis, eĉ pligrandigis la entuziasmon kiu naskiĝis en Boulogne.

Aliaj festoj kaj oficiala akcepto atendis la kongresanojn kiam ili elŝipiĝis en Calais, kaj vizitoj, festenoj, koncertoj memorigis ke la unua kongreso estis decidita la pasintan jaron en tiu urbo. La sukceso de la Kongreso grandiĝis pli kaj pli,kaj lastan koncerton oni organizis en la teatro de Boulogne, la sabaton vespere. Je la fino de la kunveno, kiam Sino Rosa Junck denove deklamis la belan verkon de Sro Clarence Bicknell, ĉiuj alestantoj bedaŭris ke tiuj frataj kunvenoj tiel baldaŭ finiĝis :

Kaj ni, amikoj karaj, baldaŭ ni disiros,
Sed ne fremduloj plu post tiu ĉi kunsido,
Ĉar Esperanto nin kunligas; ni nur diros :
Ĝis la revido !

Sro kaj Sino Zamenhof, antaŭ la Kongreso, vizitis Berlino'n kie ili pasigis tri tagojn kaj renkontis kelkajn Germanajn samideanojn. Poste ili veturis Parizon tra Lieĝo kaj Namuro. En la Franca ĉefurbo, la Esperantista grupo organizis belajn festojn pri kiuj ni jam raportis. Dro Zamenhof vizitis ankoraŭ Sron De Beaufront en Rouen kaj la presejon de la Presa Esperantista Societo en Parizo.

Post la Kongreso, gesinjoroj Zamenhof ripozis dum du tagoj en la kampara bieno de Dro Javal kaj returnen iris Varsovion tra Svisujo, kiun ili vizitis kaj kie ili renkontis Sron Renard kaj kelkajn Svisajn amikojn.

La Kongreso decidis ke oni organizos kongreson ĉiujare; almenaŭ tion ĝi deziris unuanime. Por la venonta kongreso, dum 1906, oni proponis Anglujon, Germanujon aŭ Svisujon sed nenian lokon oni difinis. Aranĝo de kongreso estas tre grava afero kaj postulas ĉiutagan agadon de multaj organizantoj ; monon kaj potencan helpon oni devos precipe ricevi de la Esperantistoj kaj ankaŭ de la urbanoj. Oni decidis ke la Komitato de la unua kongreso esploros la demandon kaj tutpove decidos.

Ni intencis reprodukti kelkajn fotografaĵojn de la kunvenoj, sed pro diversaj kaŭzoj ni tion ne faros. Ni opinias ke, ĉar ni havas Ilustritan Esperantistan Revuon, niaj legantoj povos aĉeti kaj aboni la tre interesan gazeton « Tra la Mondo. » En ĝi ili trovos multajn belajn kliŝaĵojn, precipe la grupon starantan sur ŝtuparo de la Kazino; kvankam tiu grupo kalkulas nur ĉirkaŭ 250 vizaĝojn, tio estas diri kvaronon de la kongresanoj, ili renkontos en ĝi portretojn de multaj bonekonataj samideanoj : gesinjoroj Zamenhof kaj Michaux, Fraŭlinoj Pannevin, Hilda Cederblad kaj Schafer, Sinjorinoj Rosa Junck, Mudie, Rhodes, Guivry kaj Bergier, Sroj Rhodes, Otto Simon, Kuhnl, Ostrowsky, Sam. Meyer, Boirac, Gaston Moch, Aug. Montrosier, Bolingbroke Mudie, Dro Javal, Grabowsky, generalo Sebert, Abato Peltier, pastro Schneeberger, niaj Belgaj amikoj Ed. kaj Raym. Van Melckebeke, Seynaeve, Van der Biest, Witteryck k. t. p.

Kelkaj centoj da ĉiutagaj ĵurnaloj raportis pri la Kongreso kaj ĉiuj Esperantistaj revuoj konkuras por la plej plena raporto. Se niaj legantoj estas scivolaj, ili renkontos en nia gazetaro multon da interesaj artikoloj La grupo de Boulogne intencas eldoni specialan libron kun ĉiuj ĉefaj raportoj. Unuanime la Esperantistaro gratulis tiun ageman grupon kaj ĝian sindoneman prezidanton. La provizora komitato de la Belga Ligo Esperantista sendis letere sian dankon kaj siajn gratulojn al la organizintoj de tiu sukcesplena Kongreso.

Jos JAMIN.



## *El la parolado de Dro Zamenhof.*

**La belega parolado, kiun eldiris Dro Zamenhof en la malferma kunsido de l' Kongreso, finiĝis per impresiga preĝa alvoko, kiu tre forte kortuŝis la aŭdantaron kaj kiun ni plezure konigas al niaj legantoj :**

« En tiu ĉi solena momento mia koro estas plena
« de io nedifinebla kaj mistera kaj mi sentas la dezi-
« ron faciligi la koron per ia preĝo, turni min al
« iu plej alta forto kaj alvoki ĝian helpon kaj benon.
« Sed tiel same kiel mi en la nuna momento ne
« estas ia naciano, sed simpla *homo*, tiel same mi
« ankaŭ sentas, ke en tiu ĉi momento mi ne aparte-
« nas al ia nacia aŭ partia religio, sed mi estas nur
« *homo*. Kaj en la nuna momento staras inter miaj
« animaj okuloj nur tiu alta morala Forto, kiun sen-
« tas en sia koro ĉiu homo, kaj al tiu ĉi nekonata
» Forto, mi turnas min kun mia preĝo :

Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,
Fortego, la mondon reganta,
Al Vi, granda fonto de l'amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta,
Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,
Al Vi, kiu kreas, al Vi, kiu reĝas,
Hodiaŭ ni preĝas.

Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,
Kun dogmoj de blinda fervoro ;
Silentas nun ĉiu disput' religia
Kaj regas nur kredo de *koro*.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,
Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,
Ni staras nun, filoj de l'tuta homaro
Ĉe Via altaro.

Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale ;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.
Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l'preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l'granda homaro !

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l'homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron ;
Donacu Vi benon al nia laboro,
Donacu Vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

La verdan standardon tre alte ni tenos :
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l'mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj ..
Antaŭen kun pacaj armiloj !
Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj,
Ni ĉiuj de Di' estas filoj.
Ni ĉiam memoru pri bon' de l'homaro
Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro,
Al frata la celo ni iru obstine
Antaŭen, senfine !



# DIVERSAĴOJ.

**Kongreso de Tutmonda Ekonomia Plivastiĝo.** — Tiu kongreso okazis en Mons de l' 24a ĝis la 28a de Septembro kaj kunvenigis tre grandan nombron da eminentaj ekonomiistoj kaj esploristoj. Inter la multaj decidoj faritaj de tiu grava kongreso, du estas speciale atentindaj. Unue, la polusaj esploristoj, ĉeestantaj ĉe la kongreso, decidis organizi ne plu naciajn sed internaciajn esploradojn de l' polusoj : ĉiuj forestantaj esploristoj sendis sian konsenton pri tiu projekto ; en speciala kunveno, okazonta la proksiman jaron en Belgujo, oni decidos pri la praktika organizacio de tiuj esploradoj. Dua grava decido estis la fondo de internacia organizacio de Etnografio, kun Centra Oficejo en Bruselo : inter la tri membroj de tiu Centra Oficejo, ni plezure vidis la nomon de nia amiko, Komto Lemaire, kies etnografiaj laboroj estas tre ŝatataj. Tiel, pli kaj pli la homoj detruas kaj disĵetas la artefaritajn barilojn kiuj ilin disigas ; internacieco vere frata enpenetras ĉiujn iliajn entreprenojn kaj laborojn, sed ve ! ili ankoraŭ malŝatas la necesan, la nepre necesan kondiĉon por vera, efika internaciismo : komunan helpan lingvon. Kiu povos diri al ni kiom da malhelpoj kaj senutilaj laboroj alportas al tiuj internaciaj oficejoj la senfortiganta diverseco de l' lingvoj ? Kaj kiamaniere interkompreniĝos la ĉiulandaj, ĉiulingvaj esploristoj kiuj baldaŭ enŝipiĝos, kune veturonte al la misteraj blankaj polusoj ? Antaŭ ili staras la mirinda interkomprenilo, kiu tiel multe faciligus ilian pezan taskon : ĉu ili rifuzos ĝin ?

Aliloke ni raportas pri la pledado por Esperanto kiun eldiris en tiu kongreso Sro Komto Lemaire.

**Beethoven.** — La sorto donacis strangan, tute apartan karakteron al la genia, supernatura muzikisto kiu, kun Bach, Mozart, Wagner, Brahms, levigis la muzikarton ĝis neatingeblaj, nehomaj altaĵoj. La fama kreinto de l' naŭ simfonioj posedis tre ameman koron, kiu tre profunde impresiĝis je l' sentado de l' amikeco kaj de l' amo, sed, tre suspektema, tre kolerema, li subite detruis kaj forĵetis la plej karan amikan ligon, pro ia neatentinda, plej ridinda kaŭzo : tio daŭris ĝis la sekvanta tago kaj tiam, akre bedaŭrante sian faron, li petis pardonon per plej amika, karesplena letero.

Li estis tre aŭtoritatema kaj, kiam oni persiste kontraŭdiris al li, li rapide kaj timinde ekkoleris. Lia amiko kaj instruato, Ries, rakontas amuzan ekzemplon de tiu koleremo. Ian tagon, kiam Ries tagmanĝis kun sia glora sed malriĉa majstro en Viena trinkejo : « *La Cigno* », la kelnero alportis pladon kiun ili ne mendis. Tiu eraro kaŭzis interdisputadon kaj, ĉar la kelnero tute neklere argumentis, Beethoven subite ekkoleregis kaj, ekpreninte la pladon, ĝin li renversis sur la kapon de l' malfeliĉa disputemulo. Estis spicaĵo laŭ la Viena modo, aranĝita kun granda kvanto da dika, kolorita saŭco. De l' kelnera verto, la densa fluidaĵo defluis per zigzagantaj riveretoj laŭlonge de la vizaĝo, eniĝante en la okulojn, ĉirkaŭirante la nazon kaj degutante de l' lipharaj kaj barbaj haroj per brilaj diverskoloraj gutoj. La kompatinda kelnero, blindigita, havante multajn pladojn en la manoj, povis uzi nur sian langon : li elpuŝis ĝin plej longe, turnis, returnis kaj movis ĝin ĉiuflanken, vane klopodante kontraŭstari la saŭcan defluadon, dum Beethoven, stariĝinte, senkompate kaj indigne daŭrigis la koleran diskutadon kaj ree subakvigis la malfeliĉulon per torento de elokventeco. Senfina ridego ekkaptis la tutan trinkejon, antaŭ tiu spektaklo inda inciti la talenton de ia Hogarth aŭ de ia Cruishank.

Eble multaj inter niaj belgaj amikoj nescias ke tiu dia artisto, kies lastaj majstraĵoj, sendube neniam superotaj, alti-

ras la animon en superhomajn regionojn, ke Ludoviko Van Beethoven, esence kaj pro lia deveno, estis vera Flandrano. La familio Van Beethoven (kies nomo, cetere, estas pura flandra nomo) tuta kaj de nedefinita tempo vivadis en la kamparo kuŝanta inter Loveno kaj Bruselo; tie ankoraŭ tre multaj familioj posedas tiun nomon: ili estas la rektaj devenantoj de la familio de la muzikisto. Ĉirkaŭe je l' XVII^a jarcento, ia membro de la familio Van Beethoven, sendube malŝatante la kamparanan vivadon, translogiĝis al Antverpeno: lia pranepo, tre amema je la muzikarto kaj bonege instruita, eniris la muzikistan profesion sed, ne trovante en la patrujo situacion ŝatindan, li veturis al Bonn kie la ĉefepiskopo-reganto tre favoris la muzikarton. La flandra muzikisto rapide ĝuis grandan famon kaj fariĝis eĉ « *cappellmeister* » de l' ĉefepiskopo: ŝajnas ke sian talenton li ne transdonis al sia filo, Johano Van Beethoven, ankaŭ muzikisto kaj pli fama diboĉulo, sed tute al sia glora nepo, Ludoviko. La patrino kaj la avino de Ludoviko, ambaŭ komunaj virinoj, tute ne povis influi sur lia genio sed la «*flandra avo*», kiel oni lin nomis en Bonn, vere revivis en sia nepo, kiun li amegis kaj kies muzikan instruadon li direktis.

Tial, nia Flandro, kiu estis ankaŭ la patrujo de Rubens kaj de lia famega skolo, tiel same kiel de tiom da aliaj gloraj artistoj, povas certe kaj rajte fieriĝi pri la senmorta simfonisto, L. Van Beethoven.

**Tra La Mondo.** — Ĉar ekzistas jam tiel multaj Esperantistaj revuoj kaj ĉar aliaj aperas en ĉiu monato, oni povas preskaŭ nur citi ilin. Unu tamen meritas specialan rekomendon: « *Tra La Mondo* », kies tri unuaj numeroj jam aperis, estas granda revuo belege ilustrata kaj eldonata laŭ la maniero de niaj nunaj grandaj naciaj revuoj. Plej diversaj temoj (nuntempaĵaj, teatraj, sportaj, militistaj, komercaj, k. c.) kun tre interesaj ilustraĵoj, verkitaj de ĉiulandaj kunlaborantoj kaj koncernantaj ĉiujn landojn, ĉiunumere estas traktataj en ĝi. Vere, tiu revuo devas sin trovi ne en la biblioteko sed sur la salontablo de ĉiu Esperantisto; ĝi precipe devas troviĝi en la atenda salono de ĉiuj kuracistoj, dentistoj aŭ aliaj samspecaj profesianoj.

La tri unuaj numeroj, kiuj enhavas tre multajn belajn fotografaĵojn pri la Kongreso, estos por ĉiuj kongresanoj tre plezuriga memoraĵo de tiuj belaj tagoj. (Administracio: 15, Boul. des Deux Gares, Meudon, S. et O., France. Abono: 8 fr.)



# BELGA KRONIKO.

Enirante la 4^an jaron de la vivo de nia ĵurnalo, ni vidas plezure ke Esperanto daŭrigas sian antaŭeniradon en nia lando. Dum pasinta jaro multaj aferoj okazis: fondiĝo de la Belga Ligo Esperantista kaj de novaj grupoj; aprobo donita al Esperanto ĉe plej diversspecaj kongresoj, ekz. en Liego: Kongreso de l' Surdmutuloj, Kongreso de l' Unuagrada Instruado; en urbo Mons, Kongreso « d'Expansion économique mondiale » kie tiel sukcese paroladis nia kara Komandanto Lemaire. Ankaŭ, ĉe Kongreso de fizioterapio en Liego, D^o Krikortz, el Svedujo, raportis uzante la Esperantan Lingvon. Tio-ĉi estas grava novaĵo, kaj ĉio tio montras ke la ĝeneralaj klopodoj estas fruktodonaj.

La belgaj gazetoj iom post iom donas sian kunhelpon. Inter ili ni citu precipe la jam de longe favorajn: *La Métropole* (Antverpeno) kiu en kvin numeroj longe raportis pri la Kongreso de Bulonjo, kaj nun organizas propramove, en sia salono, publikan elmontron de esperantaĵoj; *Le Matin*, *La Presse*, *Het Handelsblad*, ĉiuj el Antverpeno; *L'Ami de l'Ordre* (Namur) kiu tre ofte publikigas laŭdajn artikolojn priesperantajn.

*Le Petit Hutois* (Huy) transskribis el la Belga Sonorilo la tutan biografian artikolon pri nia Komandanto Lemaire, kune kun lia portreto; *Le Courrier de l'Orneau* (Gembloux) eldonis longan artikolon, kaj sciigis ke li baldaŭ vokos nian Amikon Jos. Jamin por paroladi pri Esperanto; *La Flandre Libérale*, *Het Volk*, *Le Bien Public*, ĉiuj el Gento; *Journal d'Accouchements*, (Liego): ĉiuj priparolas la Bulonjan Kongreson.

*De Limburger*, el Tongro, publikigas unukolonan artikolon « Van het nut eener wereldtaal » = « pri la utileco de internacia lingvo »; *L'Express* (Liego) priparolas la suprenomatan fakton ke, ĉe Kongreso de Fizioterapio, D^o Krikortz uzis Esperanton por redakti sian raporton.

« *Le Bulletin du Cercle Polyglotte* » (Bruselo) enhavas longajn sciigojn pri Esperanto, ĝia esenco, ĝia deveno, ĝia utileco.

Fine, nia bonega kunfrato « *De Lusthof* » (Bruĝo) eldonas dupaĝan artikolon pri la Kongreso, kun 3 belaj fotografaĵoj: portreto de D^o Zamenhof, grupeto da nacievestitaj kongresanoj, ĝenerala grupo da pli ol 300 kongresanoj.

* * *

La 12^an de Aŭgusto, la Antverpena Grupo kunvenis. Ĝia Prezidanto, D^o R. Van Melckebeke, pri parolis « Impresojn pri kongreso » kaj samtempe ekspoziciis fotografaĵojn.

La 19^an, Profesoro Vander Biest-Andelhof paroladis ĉe klubo da Instruistoj en urbo Aŭdenarde.

La 14^an de Oktobro, la Antverpena Grupo malfermos kurson por sinjoroj en sia kunvenejo « Taverne Royale, Place Verte », je la 20 1/2. La Instruonto estas Prof. Vander Biest-Andelhof. (Tiu kurso okazos ĉiu sabate, samhore).

Pro la malfermiĝo de tiu kurso, okazos bela festo, kun ĉeesto de nia kara Komandanto Lemaire. Ĉiuj samideanoj certe kunvenos, por montri sian simpation al nia Respektinda Estro.

La 20^an de Oktobro, malfermiĝo de Virina kurso okazonta ĉiuvendrede je la 17^a. Instruonto: D^o Leclercq. Por tiu kurso, tre grava fakto okazis: la Antverpena Urbestraro afable pruntedonos la fraŭlinan lernejon duagradan de la « Rue du Chêne » Tio estas, laŭ nia scio, la unua oficiala subteno kiun Esperanto ricevas en Belgujo.

La najlo, iom post iom, eniras.

Nia samideano, apotekisto Van Schoor, baldaŭ donos, flandre, esperantan kurson ĉe la Antverpena klubo « Eigentaal » ĉiumarde, en la kunvenejo « Het Koningske ».

## EKSTERLANDO.

La angla gazeto « *Daily News* » 21^an de Sept^o, ekpublikigas artikolojn esperantajn kaj priesperantajn.

Septembra n^o de « *Review of Reviews* » dediĉas 8 paĝojn por Esperanto, kun 2 fotografaĵoj pri la kongreso.

Nia Bulonja kunfrato: « *La Revue de l'Esperanto* », transdonas kaj rebatas kelkajn sensencaĵojn, iomete ridindajn, publikigitajn de la francaj gazetoj « *Le Matin* » « *L'Eclaireur de Nice* » « *Le mouvement Industriel* » « *Le Soleil* » — Tiu lasta (*Le Soleil* = La Suno) ŝajnas suno ne nur nelumiga, sed ankaŭ mallumiga.

En « *La Revue de l'Esperanto* », So Michaux konsiligas tiun malhelan « Sunon » ke ĝi metu iom da lumo en sia.... lumigilo.

***

**Svisujo**. — En sia lasta kunsido, la Svisa Esperantista Societo reelektis Son Schneeberger per unuanimaj aplaŭdoj kiel sian Prezidanton.

Ĝi ankaŭ eldonis peton por ke la 2a Kongreso esperantista okazu en Svisujo.

**Holando**. — Fondiĝis la Holanda Esperanta Societo. Estraro: Soj Dreves Uitterdyk, D. F. Romein, kaj P. S. Gerlings. Korespondanto por la nesocietanoj: So C. J. B. de la Faille, 15b Nobelstraat, Utrecht.

**Anglujo**. — So Ballen, el London, sciigas nin ke li baldaŭ publikigos en « Cassel's popular Educator » (angla revuo por meminstruantoj), serion da lecionoj pri Esperanto, per kunhelpo de Soj Millidge, John Ellis, Sam. Meyer kaj D. H. Lambert.

J. COOX.



## Sukceso de Esperanto en la Kongreso de Tutmonda Ekonomia Plivastiĝo.

La Belga Landestraro organizis en Mons tre gravan kongreson de Tutmonda Ekonomia Plivastiĝo (*Expansion Economique Mondiale*), al kiu ĉiuj landoj sendis oficialajn delegitojn kaj en kiu ĉeestis multaj tre eminentaj homoj de Eŭropo kaj Ameriko. La Reĝo de Belgujo prezidis la malferman kunsidon. Estis tre dezirinde ke, en tiu grava okazo, oni priparolu nian lingvon kiu certe estos tre potenca, eble la plej potenca rimedo por la tutmonda ekonomia plivastiĝo ; eĉ la Franca Societo p. p. Esperanto decidis delegi Son Komandanton Ch. Lemaire por prezenti Esperanton al la Kongreso. Nia amiko, efektive, per siaj Afrikaj esploradoj kaj sia scienca famo, estis certe unu el la plej rimarkindaj kongresanoj. Bedaŭrinde, Komto Lemaire, kiu el Afriko sciigis ke li reeniros Belgujon ĉirkaŭe je l' fino de Julio, povis reveni nur dekon da tagoj antaŭ la malfermo de l' Kongreso. Tio ne malhelpis nian kuraĝan kunbatalanton tuj enpaŝi la batalejon kaj, la 26an de Septembro, li prezentis Esperanton al la Kongreso. Entuziasma aplaŭdado okazis tuj kiam la simpatia esploristo suriris la estradon kaj ĝi reaŭdiĝis post la elokventa pledado de nia amiko ; sekve, la Kongreso akceptis la jenan deziran konkludon :

« La Kongreso de Mons instigas la kongresanojn por ke ili lernu Esperanton ; tiu lernado estas nepre necesa por tiuj kiuj deziras kompetente priparoli la demandon pri lingvo internacia, dua sama lingvo por ĉiuj.

« Homo meze instruita bezonas 4 horojn por povi skribi kaj legi Esperanton, farante nur malmultajn erarojn.

« Post tiu unua laboro, oni konsentos ke la plena instruado de Esperanto postulas nur dekduon da lecionoj.

« De tiam, la venontaj kongresoj povos postuli la enskribon de Esperanto en la lernejajn programojn. »

Gratulojn kaj dankojn al nia eminenta kaj lerta amiko.

Dro M. S.



## Konkurso Hachette.

« Almanach Hachette » (Almanako de l' firmo Hachette kaj kio), kiu estas tre bone konata de niaj Francaj amikoj, organizis konkurson inter Esperantistaj gelegantoj pri: « Praktika Utileco de tutmonda lingvo; estonteco de Esperanto ».

En la verkoj oni devis celi uzadon de ĉiuj afiksoj kaj adverboj, por ke la tekstoj estu veraj ekzercoj por la lernantoj. Multaj verkoj alfluis sed la nombro de la premioj estis limigita kaj estis eble rekompenci nur la 14 konkurantojn kies nomoj sekvas :

*Unua premio:* 500 frankoj per mono : Sro Boucon, profesoro ĉe la Liceo el Annecy.

*Dua premio:* 100 frankoj per libroj elektotaj en Esperanta katalogo de la firmo : Srino Aline de Menil el Parizo.

*Triaj premioj:* 50 frankoj per libroj: Sroj **Ray. Van Melckebeke el Antverpeno** kaj Edouard Kuhnl el Praga (Bohemujo).

*Aliaj premioj:* 10 frankoj per libroj: Sroj E. Abeille el Givors (Rhône), F. Blangarin el Parizo, F. Lageste el Dax, M. Magny, A. Monod el Genevo, D. Robert el Parizo, **Doktoroj Van der Biest el Autverpeno** kaj Paul Rodet el Parizo, Sro Hugues Oscar el La Rochelle.

Laŭ speciala permeso de la firmo Hachette, ni publikigas la tekston de Sro Ray. Van Melckebeke.

### ESPERANTO.

Kia ajn eltrovo estas baldaŭ venkonta, kiam ĝia util*ec*o por la hom*ar*o far*iĝ*as ŝat*ind*a, ĉar ĉiuj bar*il*oj *dis*falos antaŭ la profit*em*o de komerc*ist*oj pli facile ol antaŭ la sciamo de scien*cul*oj. Tial ni klopodu por ĉie klar*eg*e vid*iĝ*i tiel la util*ec*on kiel la praktik*ebl*ec*on de Internacia Lingvo. — Nun la util*ec*o ne estas preskaŭ plu diskutota. Ni ĉiuj komprenas ke estus tiel agrable kiel interese legi fremdajn librojn, kaj korespondi kun alilandanoj, kies lingvon ni ne scias.

Esperanto, la plej logika el la internaciaj lingvoj, estus ankaŭ tre utila je l' vidpunkto de familia vivo, ekzemple en tia situacio: Franca jun*ul*o *edz*iĝas kun angl*in*o loĝanta en Franc*uj*o. Okazos ofte ke iu el ili ne povas interparoli kun siaj *bo*parencoj, se ĉi tiuj lernis nur sian *ge*patran lingvon; tiamaniere unu duono de la familio restos fremda por la alia.

Kiam la skeptik*ul*oj kontraŭdiras la praktik*ebl*ec*on, tiam miloj da Esperant*ist*oj pruvas per ĉiutaga uz*ad*o de Esperanto ke ĝi ne estas *mal*pli ŝat*ind*a ol ia alia lingvo, kaj kiom ĝi valoras por ĉiuj kaj por ĉio.

Por enkonduki kiel eble plej baldaŭ la uz*ad*on de Esperanto, sufiĉus ke iliaj Reĝaj *Moŝt*oj instru*iĝ*u ĝin de la lern*ejestr*oj.

La gren*er*oj kiujn milope dissemis la unuaj propagandantoj, produktis kresk*aĵet*ojn, kies multnombraj fruktoj jam *ek*matur*iĝ*as kaj baldaŭ centobl*iĝ*os. — Kia admir*ind*a revo efektiv*iĝ*us por niaj *id*oj se dank' al interkompren*iĝ*o de l' popoloj la *mal*ben*ind*a dio de l' Milito fine *re*metus en la glav*ing*on la sangan glavon!

---

# FRANCA=FLANDRA FAKO.

**Au glorieux Auteur de l'Esperanto, le Dr Zamenhof, que le Gouvernement Français vient de nommer Chevalier de la Légion d'Honneur, « La Belga Sonorilo » présente ses sincères félicitations.**



**Ligue et Journal.** — Nous insistons vivement pour que tous nos amis comprennent qu'il est de leur devoir de soutenir par leur modeste obole les deux organismes qui dirigeront désormais la lutte pour l'Esperanto en Belgique. A ceux qui ne redoutent aucune charge, qui s'imposent volontiers toutes les fatigues, que nos amis accordent au moins et sans hésiter la minime rétribution que nous leur demandons. Le Belge, dit-on, refuse aux belles causes ce qu'il consacrera au centuple aux plus frivoles amusements. Nous au moins, Espérantistes, qui poursuivons un but si hautement humanitaire, ne justifions pas cette décourageante parole.

Le journal dont les charges, par suite de l'abstention de trop nombreux amis ainsi que des améliorations et modifications que nous y apportons, sont devenues très lourdes, augmente quelque peu le prix de l'abonnement : celui-ci sera désormais de 4 fr. par an (5 fr. avec inscription à la Ligue). Nous prions nos amis d'envoyer sans tarder à l'Administration du journal la minime somme de 5 fr. ou d'en permettre la perception par quittance postale. Après l'apparition du 2me numéro, une quittance postale sera présentée à tous nos abonnés. Nous espérons qu'ils lui réserveront un bon accueil.



## *Notes en marge de l'Esperanto.*

**Trois lignes d'introduction. — Le Congrès de Mons et le vœu du Commandant Lemaire. — L'activité volapükiste.**

La direction de ce journal, qui s'adresse, non seulement aux espérantistes, mais encore à ceux qui pourraient le devenir, a cru profitable d'y réserver une petite place, de temps à autre, à un brave homme qui n'est à peine qu'un demi-espérantiste mais qui se trouve excellemment placé pour entendre ce qu'on dit autour de lui et comment on apprécie notre moderne croisade ; qui fréquente le monde, la bourse et la finance ; qui voit des journalistes, des avocats, des politiciens, des gens de peu et des ploutocrates, des maîtres et des valets, des savants et des artistes, des comptables et des littérateurs ; bref, qui, sans se désintéresser du mouvement espérantiste, est curieux surtout de rapporter l'accueil qu'on ménage à ce nouveau levier de civilisation, de scruter les sources profondes de ses triomphes, de dévoiler les obstacles qu'on lui suscite et qu'on lui suscitera. Ce brave homme a une très pauvre opinion de lui-même ; mais il est plein de bonne volonté et d'ailleurs il pense, comme Pascal, que pour qu'on croie du bien de lui il est prudent qu'il n'en dise point, mais qu'il se mette à l'œuvre.



Cette année a vu beaucoup de Congrès. L'avant-dernier était celui tenu à Mons au mois de septembre dernier et dit d'« expansion mondiale. » Ce fut un congrès célèbre. Le Roi en personne consentit à ouvrir ces solennelles assises et M. Beernaert, ministre d'Etat, lui accorda cette définition imprévue et un peu exagérée peut-être de « Congrès des Congrès. » Les résultats pratiques et immédiats de cette assemblée de savants, de commerçants, de professeurs et d'hommes de robe furent maigres cependant. On n'en retiendra que deux : la formation d'une entente internationale en faveur de la conquête des pôles et un effort vers l'internationalisation. On s'y comprit mal d'ailleurs puisqu'on n'y parla pas esperanto....

Cependant, la langue seconde eut les honneurs de ce congrès, et, à ce titre, il constitue pour elle un petit triomphe, caractéristique du chemin qu'elle ne cesse de parcourir : notre brillant et dévoué partisan, le Commandant Lemaire y présenta, en effet, à la section de l'Enseignement, un vœu, en faveur de l'esperanto, qui fut acclamé et unanimement adopté et dont voici le texte :

« Le Congrès de Mons recommande à ses membres l'étude de l'esperanto ; cette étude est *indispensable* à ceux qui veulent pouvoir parler, en connaissance de cause, de la question d'une langue internationale, langue seconde la même pour tous ;

» Il faut quatre heures à une intelligence moyenne pour pouvoir écrire et lire l'esperanto avec seulement quelques fautes ;

» Lorsque ce premier effort aura été fait, on reconnaîtra que l'enseignement complet de l'esperanto ne demande qu'une douzaine de leçons ;

» Dès lors, les prochains Congrès pourront s'entendre pour demander l'inscription de l'esperanto aux programmes scolaires. »

Remarquez, m'écrit à ce sujet mon excellent ami Seynaeve, la diplomatie de ce vœu : il ne prête le flanc à aucune critique, puisqu'il pose la question préalable de l'étude de la langue avant toute discussion ; les membres des prochains congrès, qui ne se seront pas conformés à cette condition préalable, seront donc dépourvus de toute autorité.

On le voit, ce congrès n'a pas résolu la question de l'introduction de l'esperanto dans les programmes scolaires, introduction qui a, parmi les nôtres, beaucoup de partisans. On peut se demander même si ce sera là l'œuvre d'un congrès prochain? Ce qui est incontestable, c'est qu'on a accueilli sans hostilité, sans répugnance, avec enthousiasme au contraire le vœu du commandant Lemaire. C'est une chose caractéristique. Un jalon est posé dans cette voie. On ne le déplantera point. Et après lui il en viendra d'autres.

***

Que l'adoption de ce vœu aussi soit un exemple pour nos amis. Le jour où nous en aurons beaucoup de pareils derrière nous, nous pourrons « agir »

avec la confiance du triomphe. Il ne faut pour cela que du courage et de la persévérance. Qu'on se le dise bien: les ennemis de nos efforts ne désarment pas. Les volapükistes, qu'on croyait morts et enterrés depuis longtemps, se réveillent. Ils ont même entrepris en ces derniers temps une campagne de presse dont je parlerai ici même un de ces jours..... A l'œuvre donc! antaŭen!

VIEILHOMME.

### L'Esperanto au Congrès International d'enseignement primaire à Liége.

Dans sa séance du 7 septembre dernier, que le Congrès International d'Enseignement primaire a tenue à Liége, M. Robelin, secrétaire de la Ligue française de l'Enseignement, a prononcé un remarquable discours en faveur de l'étude de l'Esperanto.

L'assemblée a écouté avec le plus grand intérêt l'exposé de M. Robelin et a émis unanimement le vœu que l'Esperanto soit porté au programme d'études de l'école primaire.



**« La Belga Sonorilo » biedt hare welgemeende heilwenschen aan onzen roemrijken en beminden meester, Dr Zamenhof, dien het Fransch Staatsbestuur tot Ridder van het Eerelegioen benoemd heeft.**



## Aan de Esperantisten.

Na het Wereldcongres van Boulogne s/M is het Esperanto als 't ware in eene nieuwe phase getreden.

Niet alleen werd daar een aanschouwelijk bewijs gegeven, dat het Esperanto als practische taal bestaat; dat het zich voortreffelijk leent tot woordenwisseling, zang en tooneel; dat het een middel is bij uitmuntendheid ter bevordering van handelsbetrekkingen en wereldverkeer, het voertuig van literatuur, wetenschap en kunst, — maar het Congres heeft daarenboven de leden der groote Esperantische familie uit de vijf werelddeelen te zamen gebracht en die vereenigd in eenen band van geestdriftige stemming en algemeene verbroedering.

Wij behoorden tot de gelukkigen, welke de heerlijke dagen van dit gedenkwaardig congres hebben medegeleefd. Het waren dagen van onuitsprekelijk genot, van nooit gevoelde begeestering. Ons aller betrouwen in het welslagen onzer verheven onderneming werd er tot eene onwrikbare overtuiging en wij zijn naar onze haardsteden teruggekeerd met verjongden moed en als tot een nieuw leven herboren.

Is nu voor ons, Esperantisten, een nieuwe tijd aangebroken, dan geldt het vooral een tijd van onverdroten werkzaamheid, van onverpoosde propaganda.

Wij zien nog in verbeelding Dr R. Van Melckebeke, den woordvoerder der Belgische esperantisten te Boulogne het spreekgestoelte bestijgen, en ons klinkt nog zijne kernige, schitterende rede tegen. Hij steunde zich op onze nationale kenspreuk: Eendracht maakt macht! En daarop zinspelend deed hij een warmen oproep tot allen: de zege van het Esperantism ligt in de vereeniging van ons aller krachten van ons aller medewerking.

Om onze zaak te doen veld winnen en gedijen is het vooral noodig het orgaan der Belgische esperantisten — La Belga Sonorilo — krachtdadig te ondersteunen. Sedert drie jaar heeft het de goede zaak doen kennen en verdedigd. Ziehier nu het 1e nummer van den 4n jaargang, waaraan tal van nieuwe medewerkers hunne beste pogingen zullen wijden. Aan U, geabonneerden van vroeger jaren, het tijdschrift getrouw te blijven en het zooveel mogelijk te verspreiden; aan U, die tot nu toe voor het blad onverschillig waart, het getal geabonneerden door uwe inschrijving te vergrooten.

Men weet ook, dat in Juli ll. de Belgische Esperantische Bond werd gesticht met het doel de Esperantisten van ons land nauwer aaneen te sluiten en den werkkring voor het Esperanto uit te breiden. Bij dezen bond zijn niet alleen de Esperantische groepen aangesloten, maar al de partijgangers onzer dierbare hulptaal kunnen er deel van maken. Reeds heeft de Bond vele bijtredingen ontvangen, maar zijne leden moeten legio worden; iedereen moet onze wakkere leiders volgen en steunen.

Om de goede zaak te bevorderen met het Belgisch orgaan der Esperantisten en den Belgischen Esperantischen Bond aan te bevelen, verzochten wij de *Belga Sonorilo* aan deze regelen de gastvrijheid te verleenen.

Esperantisten, ondersteunt de *Belga Sonorilo!* Maakt U lid van den Belgischen Esperantischen Bond!

AMATUS.

(*) Het abonnement op de *Belga Sonorilo* bedraagt 4 fr.; het lidmaatschap bij den Belgischen Esperantischen Bond met abonnement kost 5 fr.

*(Redactie).*



### Het Esperanto bij het Internationaal Congres van lager onderwijs te Luik.

In zitting van het Internationaal Congres van Lager Onderwijs gehouden te Luik op 7 September ll. heeft de Heer Robelin, Secretaris van den Franschen Onderrichtsbond, eene merkwaardige redevoering uitgesproken, ten voordeele van de invoering der studie van het Esperanto.

De vergadering heeft met de grootste belangstelling het vertoog van den Heer Robelin aanhoord en eenparig den wensch gestemd, dat het Esperanto op het studieprogramma der lagere scholen gebracht worde.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

**AL NIAJ AMIKOJ !**

La senĉesa penado de la defendantoj de la Helpa Internacia Lingvo Esperanto ricevis en multaj landoj mirindajn rezultatojn. En Francujo, en Anglujo, en Germanujo, nia ideo rapide antaŭenpaŝas kaj ĝi forpelas rapide ĉiujn barilojn kontraŭmetitajn de la antaŭjuĝoj, de la memvola nescieco de l' unuj, de la malprogresa malamikeco de l' aliaj.

La Unua Kongreso Esperantista, kiu ĵus okazis en Boulogne-s-Mer, montris Esperantistojn el pli ol 20 diversaj nacioj, publike kaj admirinde fratiĝantajn per unu sola helpa lingvo kaj aklamantajn la genian aŭtoron de Esperanto, D<sup>ron</sup> Zamenhof, kiun, dum lia trairo tra Parizo, la Franca Landestraro ne timis publike akcepti kaj donaci per la ordeno de la « Honora Legio ».

La hieraŭa utopio fariĝas hodiaŭ tuŝebla realaĵo kaj estos morgaŭ, kiam por ĉiam falos la barilo de l' lingva diverseco, nova kaj grandega venko de la homa spirito en ĝia senlaciĝa batalado por pli feliĉa homaro.

Certe, nia lando efike partoprenas en tiu agado sed multaj Belgaj Esperantistoj opiniis ke ilia penado, pro nesufiĉa unueco, ne donis la merititajn fruktojn. Ili do kreis Belgan Ligon Esperantistan, kies Provizora Komitato insiste alvokas la kunlaboradon kaj la sindonemon ne sole de ĉiuj Belgaj Esperantistoj sed ankaŭ de ĉiuj kiuj iel interesiĝas je la sukceso de helpa lingvo. Ĝi petas ilin pri tre malgranda apogo, pro kiu neniu el ili povos ŝanceliĝi.

La Belga Ligo Esperantista grupigos ĉiujn kiuj deziras kunhelpi al la efektivigo de ĝia celo. Ĉiuj iamaj fervoruloj, ĉiuj hodiaŭaj amikoj, ĉiuj progresemuloj devas ĝin subteni.

*Je l' nomo de l' Provizora Komitato,*
LA GENERALA SEKRETARIO,
**D<sup>ro</sup> M. Seynaeve.**



## LIGUE ESPÉRANTISTE BELGE.

A NOS AMIS !

Les efforts incessants des défenseurs de la Langue Auxiliaire Internationale Esperanto ont abouti dans de nombreux pays à des résultats magnifiques. En France, en Angleterre, en Allemagne, l'idée progresse à grands pas et voit s'évanouir rapidement tous les obstacles que dressent devant elle les préjugés, l'ignorance volontaire des uns, l'antipathie routinière des autres.

Le Premier Congrès Espérantiste, qui vient de tenir ses assises à Boulogne-sur-Mer, a vu réunis des Espérantistes de plus de vingt nationalités différentes, fraternisant publiquement, en un spectacle admirable, au moyen de leur seule langue auxiliaire et acclamant le génial auteur de l'Esperanto, le D<sup>r</sup> Zamenhof, que le Gouvernement Français n'avait pas craint de recevoir publiquement, lors de son passage à Paris, et de faire entrer dans l'ordre de la Légion d'Honneur.

L'utopie d'hier devient aujourd'hui une réalité tangible et sera demain, lorsque sera tombé définitivement l'obstacle de la diversité des langues, une nouvelle et grandiose victoire de l'esprit humain dans sa lutte incessante pour une humanité meilleure.

Notre pays, certes, participe efficacement à ce mouvement, mais à de nombreux Espérantistes Belges il a semblé que le défaut d'union dans leurs travaux empêchait ceux-ci de porter tous leurs fruits. Ils ont donc créé une Ligue Espérantiste Belge, dont le Comité Provisoire fait un chaleureux appel au concours et au dévouement non seulement de tous les Espérantistes Belges mais encore de tous ceux qui s'intéressent d'une façon générale à l'établissement d'une langue auxiliaire. L'appui qu'il leur demande est minime et ne devra faire hésiter aucun d'entre eux.

La Ligue Espérantiste Belge groupera tous ceux qui désirent coopérer à l'œuvre dont elle poursuivra la réalisation. A tous les fervents de la première heure, à ceux d'aujourd'hui, à tous les amis du progrès incombe le devoir de la soutenir.

*Au nom du Comité Provisoire,*
LE SECRÉTAIRE GÉNÉRAL,
**D<sup>r</sup> M. Seynaeve.**

## BELGISCHE ESPERANTISCHE BOND.

*AAN ONZE VRIENDEN !*

*De gedurige pogingen van de verdedigers der wederlandsche Hulptaal Esperanto hebben in vele landen prachtige uitslagen bekomen. In Frankrijk, in Engeland, in Duitschland, gaat het gedacht met rasse schreden vooruit en het verdrijft snel al de hinderpalen der vooroordeelen, der vrijwillige onwetendheid van den eenen, van den gewonen tegenzin der anderen.*

*Het Eerste Esperantisch Kongres dat onlangs zijne zittingen hield te Boulogne-aan-Zee,vereenigde Esperantisten van meer dan twintig verschillende natiën, die in een wonderbaar vertoog openbaar verbroederden, bij middel hunner eenige hulptaal, en den vernuftigen uitdenker van het Esperanto toejuichten, den D<sup>r</sup> Zamenhof, die door het Fransch Staatsbestuur, ter gelegenheid van zijne reis door Parijs, opentlijk was ontvangen geworden, en in het Eerelegioen opgenomen werd.*

*De hersenschim van gisteren wordt op heden eene tastbare wezentlijkheid en zal morgen, wanneer de hinderpaal der taalverscheidenheid voor goed zal gevallen zijn, eene nieuwe en grootsche zegepraal wezen in zijnen gedurigen strijd naar eene gelukkigere menschheid.*

*Voorzeker neemt ons land een groot deel in die beweging, maar aan talrijke Belgische Esperantisten scheen het dat het ontbreken van eenheid in hunne werking deze belette al hare vruchten te dragen. Zij hebben derhalve een Belgischen Esperantischen Bond gesticht, waarvan het Voorloopig Bestuur een warmen oproep richt tot de medewerking en den iever niet alléén van al de Belgische Esperantisten, maar nog van al diegenen die, in het algemeen, belang stellen in het tot stand komen eener hulptaal. De onderstand die hun gevraagd wordt is klein en zal niemand onder hen moeten doen aarzelen.*

*De Belgische Esperantische Bond zal al dezen vereenigen die wenschen mede te werken aan de zaak waarvan hij de verwezenlijking zal betrachten. Al de ijveraars van het eerste uur, al de vrienden van heden, al de betrachters van den vooruitgang moeten hem ondersteunen.*

*Namens het Voorloopig Bestuur,*
DE ALGEMEENE SCHRIJVER,
**D<sup>r</sup> M. Seynaeve.**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

## RAPORTO.

Ĉirkaŭe je la lastaj tagoj de majo 1905, presita letero, subskribita de S^roj^ L. Blanjean, J. Coox, E. de Troyer, J. Jamin, E. Mathys, D^ro^ M. Seynaeve kaj D^ro^ R. Van Melckebeke, estis sendata al ĉiuj plej konataj belgaj Esperantistoj kaj petis ilin bonvoli kunveni por kune decidi pri la rimedoj pliboniĝi la propagandadon de Esperanto en Belgujo. Tiu kunveno okazis la 25^an^ de Junio, ĉe la sidejo de la Antverpena Grupo Esperantista, en Antverpeno: pri ĝi jam raportis « *La Belga Sonorilo* » n^ro^ 35, paĝo 101. Dum tiu kunveno, oni precipe decidis unuvoĉe fondi Ligon de la Belgaj Esperantistoj kaj oni komisiis S^ojn^ Coox, Seynaeve kaj Van Melckebeke por la elverko de projekto de regularo.

La 30^an^ de Julio, dua kunveno okazis en Antverpeno. Ĉeestis en ĝi Fr^inoj^ Daenen, Greiner, Lecointe, kaj S^oj^ Blanjean, J. Jamin, Vandersleyen, Verbanck, (Bruselo); S^oj^ Brahm, Champy, De Cae, de Roy, D^ro^ Gunzburg, L. Jamin, Van den kerkhove, Vander Biest-Andelhof, D^ro^ R. Van Melckebeke (Antverpeno); S^oj^ Cogen (Gento), Coox (Duffel), Mathys (Loveno), D^ro^ Seynaeve (Kortrejko), Sloutzky (Liéĝo). Senkulpigis sin pri sia foresto S^oj^ E. de Troyer (Lieĝo), D^ro^ Goffint (Ostendo), M. Mourlon (Bruselo), D^ro^ Vander Biest (Antverpeno), Van Oevelen (Zoersel), Witteryck (Bruĝo).

Dum la kunveno, oni ricevis entuziasman telegramon de S^ro^ E. d'Artois (Bruselo).

Sub la prezido de S^ro^ A. Vander Biest-Andelhof, la kunvenintoj longe diskutis kaj fine akceptis la regularon. Oni ankaŭ decidis ke la unua jaro de la Ligo daŭros de tiu tago ĝis la 1^a^ Septembro 1906 kaj ke tiu kunveno povos anstataŭi la ĝeneralan ordinaran kunvenon, se la komitato opinios ti on utila.

Laŭ la ĵus akceptita regularo, oni devis tiam elekti la 6 komitatanojn, ĉiujare elektotajn de la ĝenerala kunveno. Post propono de D^ro^ M. Seynaeve, oni aklamas Kom^ton^ Ch. Lemaire kiel membron de la komitato; post voĉdonado, la prezidanto proklamas kiel aliajn komitatanojn Fr^inon^ E. Lecointe, S^ojn^ L. Blanjean, J. Jamin, D^ro^ M. Seynaeve kaj D^ro^ R. Van Melckebeke.

De tiu tago, la komitato, petinte D^ron^ M. Seynaeve provizore plenumi la sekretarian oficon, interkorespondis per rondirantaj leteroj, sendataj de la provizora sekretario. Tiamaniere, la komitato faris multajn decidojn; ĝi decidis ke certe dum la unua jaro kaj, se estos eble, dum la venontaj jaroj, la kotizaĵoj de la membroj de la Ligaj Grupoj estos redonataj al la Grupoj; ĝi decidis havigi al si Ligan Sigelilon, pri kies desegno ĝi komisiis Fr^inon^ Lecointe kaj S^ojn^ J. Jamin kaj R. Van Melckebeke; ĝi decidis krei « *varbajn kajerojn* », enhavantajn membrajn kartojn kaj donotajn al ĉiuj bonvolaj liganoj, por ebligi al ili senĉesan facilan varbadon de novaj liganoj; ĝi jam ekzamenis gravajn propagandajn projektojn de « rondirantaj ekspozicioj » kaj de « lumfiguraĵoj »: ambaŭ uzeblaj okaze de la paroladoj.

**Kunsido de la Komitato**. La 1^an^ de Oktobro, je la 10^a^ horo matene, la komitato kunsidis ĉe la loĝejo de S^ro^ Kom^to^ Lemaire, en Bruselo. La tuta komitato ĉeestis: Fr^ino^ Lecointe, S^roj^ Blanjean, Jamin, Kom^to^ Lemaire, D^roj^ Seynaeve kaj Van Melckebeke.

1^e^. Direktanta Komitato. La komitato elektas kiel prezidanton Kom^ton^ Ch. Lemaire kaj kiel ĝeneralan sekretarion D^ron^ M. Seynaeve: ambaŭ konsentas. Ĉar ŝajnas tute necese ke la administranto de la oficiala organo de la Ligo estu ankaŭ la administranto de la Ligo, la komitato decidas ne elekti sekretarion-kasiston sed provizore komisii S^on^ Coox, ekster la komitato, por tiu ofico, donante al li la titolon: *administracia sekretario*.

2^e^. Honora Komitato. La komitato elektas kelkajn eminentajn Esperantistojn, pri kies konsento oni petos

3^e^. Propagando. La komitato decidas dissendi al ĉiuj belgaj jurnaloj alvokon presotan en ili.

Ĝi decidas elekti grupon da oficialaj paroladistoj de la Ligo kaj pagi iliajn vojaĝajn elspezojn, se tion ne faros la organizantoj de la paroladoj.

4^e^. Rondirantaj Ekspozicioj. Post kiam S^ro^ Blanjean legis raporton pri tiu punkto, la komitato komisias S^ojn^ L. Blanjean kaj Léop. Jamin por prepari albumojn kies depreneblaj folioj montros ĉiulandajn aŭ komercajn aŭ sciencajn aŭ diversajn dokumentojn. La paroladistoj kunportos tiujn albumojn kaj, dum la paroladoj, montros kaj rondirigos la foliojn.

La komitato ankaŭ komisias S^ojn^ Coox kaj M. Seynaeve por prepari plenan Esperantistan ekspozicion, kiun povos uzi laŭvice la Ligaj Grupoj.

5^e^. Lumfiguraĵoj. La komitato konsentas pri la utileco de la lumfiguraĵoj dum la paroladoj. Ĝi komisias S^on^ Van Melckebeke por esplori la demandon kaj insiste petas ĉiujn Esperantistojn ke ili bonvolu konigi al ĝi interesajn Esperantistajn dokumentojn aŭ vidaĵojn, kies montrado estus utila kaj efika.

6^e^. Akcepto de Liga Grupo. S^ro^ Van Melckebeke, je l' nomo de la Antverpena Grupo Esperantista, petas ke tiu grupo estu akceptata kiel Liga Grupo. La komitato unuvoĉe konsentas. La du delegitoj de la Antverpena Grupo al la Komitato de la Ligo estas S^roj^ Léop. Jamin kaj A. Vander Biest-Andelhof.

7^e^. Propagandaj broŝuroj. La direktoro de « *La Belga Sonorilo* » transdonas al la Ligo la propagandajn broŝurojn, eldonitajn antaŭ du jaroj de tiu ĵurnalo.

8^e^. Dua Kongreso Esperantista. La komitato, ekkoninte la peton de la Esperantistoj el Genève organizi la II^an^ kongreson en tiu urbo, eldiras la deziron ke estus tre preferinde organizi la kongreson en la germana parto de Svisujo; cetere, la I^a^ kongreso decidis ke la II^a^ kongreso ne povos okazi en la francparolanta loko.

9^e^. Letero al D^ro^ Zamenhof. La komitato decidas sendi leteron al D^ro^ Zamenhof por lin gratuli pri la granda sukceso de l' I^a^ kongreso. Jam antaŭe, gratula letero estis sendata al S^ro^ Michaux, prezidanto de la Grupo de Boulogne-s-Mer.

*La Ĝenerala Sekretario,*

D^ro^ M. Seynaeve.

# REGULARO.




### I. — Celo kaj Agado.

Art. 1. — Sub la titolo: « *Belga Ligo Esperantista* » estas fondita societo de adeptoj kaj aprobantoj de Esperanto en Belgujo.

Art. 2. — La « *Belga Ligo Esperantista* » celas propagandi, ekster ĉia politika aŭ religia demando, la Helpan Lingvon Internacian Esperanto kaj pligrandigi la interrilatojn de Belgujo kun la eksterbelgaj landoj.

Art. 3. — Por trafi tiun celon, la Ligo kreas monan kapitalon por helpi la grupojn, garantii la vivadon de l'oficiala organo de la Ligo, eldoni kaj dissendi ĉiuspecajn presaĵojn propagandajn, organizi paroladojn, kursojn kaj ekspoziciojn Esperantajn, kaj efektivigi ĉiajn projektojn kiuj, post matura pripenso de la Komitato de la Ligo, montriĝis utilaj, aŭ helpi al ilia efektivigo.

### II. — Liganoj. Ligaj Grupoj. Kotizaĵoj.

Art. 4. — La Ligo konsistas el Liganoj kaj Ligaj Grupoj.

Art. 5. — La kotizaĵoj de la Liganoj estas jenaj :

*a*) Ĉiuj Liganoj pagas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 1 fr. aŭ sumon da 25 fr., pagatan unu fojon por ĉiam.

*b*) La Liganoj, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 10 fr. aŭ sumon da 200 fr., pagatan unu fojon por ĉiam, estas nomataj *Protektantaj Liganoj*.

*c*) La Liganoj, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 25 fr. aŭ sumon da 500 fr., pagatan unu fojon por ĉiam, estas nomataj *Bonfarantaj Liganoj*.

La Protektantaj kaj Bonfarantaj Liganoj ricevas de la Ligo la oficialan organon.

Art. 6. — Ĉiuj lokaj aŭ regionaj Esperantistaj Grupoj povas fariĝi Ligaj Grupoj kondiĉe : (1)

*a*) ke ili kalkulu almenaŭ 10 grupanojn ;

*b*) ke ĉiuj membroj de la Grupa komitato estu abonantoj de la oficiala organo ;

*c*) ke ilia regularo estu akceptita de la Komitato de la Ligo.

### III. — Organizacio kaj funkciado de la Ligo.

Art. 7. — La Estraro de la Ligo konsistas el Honora Komitato kaj Direktanta Komitato.

Nur la Direktanta Komitato proponas kaj akceptas la membrojn de la Honora Komitato.

La Direktanta Komitato konsistas :

*a*) el ses Liganoj elektataj ĉiujare en la Ĝenerala Kunveno montrata en la art. 12).

*b*) el la Delegitoj de l' Grupoj.

La Direktanta Komitato elektas ĉiujare inter siaj membroj unu prezidanton, unu ĝeneralan sekretarion kaj unu sekretarion-kasiston.

Art. 8. — Ĉiu Liga Grupo,kalkulanta almenaŭ 25 grupanojn, sendas 1 delegiton al la Komitato ; ĉiu grupo kalkulanta almenaŭ 75 grupanojn sendas 2 delegitojn.

La Grupoj elektas ĉiujare siajn delegitojn, kelkajn tagojn antaŭ la Ĝenerala Kunveno montrata en la art 12.

Art. 9. — La Direktanta Komitato tuj anstataŭigas la Komitatanojn, elektitajn de la Ĝenerala Kunveno, kiuj eksiĝas aŭ mortas ; ankaŭ la Grupoj tuj anstataŭigas siajn delegitojn eksiĝintajn aŭ mortintajn.

Art. 10. — La Direktanta Komitato kunvenas almenaŭ tri fojojn ĉiujare : nur la ĉeestantaj komitanoj povas voĉdoni.

La Komitato povas voĉdoni nur se almenaŭ la duono de ĝiaj membroj ĉeestas la kunvenon. En okazo de ne-voĉdono pro nesufiĉa ĉeesto de la komitatanoj, dua kunveno povas decidi pri tiuj jam priparolitaj demandoj, kioma ajn estas la nombro da ĉeestantoj en tiu dua kunveno.

Se iu delegito ne povas ĉeesti en ia kunveno de l' Komitato, li devas sin anstataŭigi laŭ reguloj difinataj de l' Grupoj mem.

Inter la kunvenoj, la komitatanoj interrilatas per rondirantaj leteroj, sendataj de la Prezidanto.

Art. 11. — La Direktanta Komitato direktas la aferojn de la Ligo kaj la propagandon, konforme je la celo de la Ligo.

En okazo de voĉdono, se la kontraŭdirantaj partoj de la Komitato estas samnombraj, la Prezidanto sola decidas.

Art. 12. — Ĝenerala Kunveno de la Ligo okazas ĉiujare. Ĉe tiu kunveno, inter aliaj, la Komitato raportas pri sia agado kaj pri la monelspezoj de la pasinta jaro. La forestantaj Liganoj povas sendi letere siajn voĉdonojn, sed nur pri la elektotaj komitatanoj.

La tagordo estas sendata al la Liganoj almenaŭ dek tagojn antaŭ la kunveno.

### IV. — Organo de la Ligo. — Ŝanĝoj en la Regularo.

Art. 13. — La Ligo elektas kiel sian oficialan organon la ĵurnalon : « *La Belga Sonorilo.* »

Tiu ĵurnalo estas tute sendependa de la Ligo. Ĝi enpresas ĉiujn raportojn, avizojn, komunikaĵojn kaj aliajn dokumentojn, kiujn sendas al ĝi la Komitato de la Ligo. Ĝi publikigas unufoje la nomojn de ĉiuj Liganoj kaj ĉiunumere la nomojn de la Honoraj Komitatanoj.

Art. 14. — La Liga jaro, same kiel la ĵurnala jaro, komenciĝas la 1$^{an}$ de Septembro.

Art. 15. — Nur la Ligo, per ĝenerala voĉdonado, povas fari ian ŝanĝon en la jena Regularo. Por ke la proponita ŝanĝo estu akceptata, ĝi devas ricevi la $^2/_3$ de l' voĉoj.

Art. 16. — La demandoj, je kiuj ne respondas ia artikolo de la jena Regularo, estas solvataj de la Direktanta Komitato.



(1) La membroj de la Ligaj Grupoj pagas al sia grupo la ligan kotizaĵon, en aŭ ekster la grupa kotizajo, laŭ regulo difinota de ĉiu grupo (Rimarko de la komitato).

## Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C^ie^ *et chez* SPINEUX & C^ie^ *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 2.00 (port en plus),

## Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

## L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . . . . . fr. 3.50
Avec inscription à la Société . . . . fr. 4.00

## The Cosmopolitan Correspondence Club

— *INTERNACIA ORGANISMO* —

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

## L'Union Postale Universelle
## La Poŝta Universala Unuigo

ĈIUMONATA INTERNACIA ĴURNALO
EN RUSA KAJ ALIAJ LINGVOJ.
APERAS LA 1^an^ DE ĈIU MONATO.

*Abonkosto : 5 frankoj* aŭ *2 rubloj.*
*Unu numero : 20 kopekoj.*

Sin turni al la Redakcio : strato Mario N° 3, log. 6 en Riga aŭ al Societo « ESPERO » Bol. Podjaĉeskaja, n° 24, log. 12 en Peterburgo.

**Redaktoro : S^ro^ W. E. Tscheschichin.**

## Supera Olivoleo de Provencujo.

PARFUMITA SAPO « ESPERANTO ».

Sendo de specimenoj laŭ peto. Speciala rabato por la Esperantistoj. Reprezentantoj estas akceptataj en ĉiuj landoj.

Skribu al *S^ro^ A. Lanisson* à **SALON** (Provence, France). (48)

## L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, jurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendita devige.

*JARA ABONO :* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.
*MALGRANDAJ ANONCOJ :* **3 frankoj** por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **S^ro^ ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

## Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro^ J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.